# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
Kongresa Numero 13-a jaro N-ro 3 (50) novembro 2014

Enhavo



Kovrilfoto: la ŝtala floro en Parko Thays apud Avenida del Libertador en Bonaero fotita de s-ro Robert Bogenschneider el urborigarda buso.

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ino Barbara Pietrzak, estraranino de UEA, ĉefa respondeculino pri la ĝemelurba agado en la subteamo Monda Evoluo
S-ro Stefano Keller, estrarano de UEA pri Monda Evoluo, Konsciigo: Komisiono pri Rilatoj kun Internaciaj Organizaĵoj (KRIO), Ĝemelaj Urboj
S-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro Wu Guojiang

## Kunlaboremuloj de la projekto

Je la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, s-ro Hassano Ntahonsigaye (ntahonsigayea@yahoo.fr) el Burundo kaj s-ro Hori Yasuo (Hori-zonto@water.sannet.ne.jp) el Japanio volonte kunlaboras kun la projekto.

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Azio**

Mongolio
S-ro Chimedtseren Enkhee
Retadreso: enchjo@yahoo.com

Pakistano
S-ro Jawaid Eahsan
Retadreso: saluton123@yahoo.com

Vjetnamio
S-ro Nguyen Xuan Thu
Retadreso: autuno32@gmail.com

**Eŭropo**

Francio
s-ino Raymonde Coquisart
Retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr

Italio
S-ro Luigi Fraccaroli
Retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

Nederlando
S-ro Pieter Engwirda
Retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

Svedio
s-ino Kaisa Hansen
Retadreso:kaihan@bredband.net

NOVAĴO

## Agadoj de la projekto en la bonaera UK

Inter la 26-a de julio kaj la 2-a de aŭgusto 2014 la 99-a UK okazis en Bonaero, ĉefurbo de Argentino, kun la temo "Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco". Ĝin partoprenis 706 personoj el 57 landoj. Sinjoro Mauricio Macri, urbestro de Bonaero, respondecas kiel la alta protektanto de la kongreso.

Dum la UK, laŭ Barbara Pietrzak, UEA-estraranino komisiita jarkomence pri la Projekto Ĝemelaj Urboj (ĜU), krom la Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazis tri eventoj ligitaj kun la Projekto. La stando de Ĝemelaj Urboj estis daŭre videbla dum la ĉi-jara Movada Forio, la foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj" de Bonaero funkciis ekde la 29-a de julio. Priaj raportoj pri ili estas sube legeblaj. Oni parolis ankaŭ pri la Ĝemelaj Urboj kadre de la kunsido de la Eŭropa Komisiono.

## Reprezentanto de la registaro menciis ĝemelajn urbojn



"Ĉinio kaj Argentino havas bonajn interrilatojn dum longa tempo, kaj Pekino kaj Bonaero estas ĝemelaj urboj, oni esperas pluapaŝe pliigi la amikecon kaj multigi kunlaborojn dum la kongresa periodo." Tiun esprimon faris s-ro Carlos Regazzoni, reprezentanto de la argentina registaro kaj ĝenerala sekretario de la ministerio de edukado de Argentino, kiam antaŭ la kongreso li interparolis kun la ĉina E-delegacio, kiun gvidas Fang Zhenghui, vicprezidanto de la Ĉina Internacia Eldona Grupo. Fang Zhenghui (la dua de maldekstre) en interparolo kun Carlos Regazzoni, la unua de dekstre.

El http://qgsx.chinareports.org.cn

## La unua foto-ekspozicio de ĝemelaj urboj

La 29-an de julio, mardo, en la nivelo 1 de la kongreseja hotelo Panamericano, ekfunkciis la foto-ekspozicio "ĝemelaj urboj de Bonaero". Retrorigardinte la vojon al tiu ĉi sukceso mi povas diri: Ĉia sukceso ne estas facile akirebla. Ĝi bezonas senegoisman sindonon kaj sinceran kunlaboron.

En la kunveno de Ĝemelaj Urbo dum la 98-a UK okazinta en 2013 oni aktive proponis okazigi ekspozicion pri ĝemelaj urboj de la kongresurbo en 2014. Sekve la projekto listigis

ĝin en la laborplano por 2014 kaj komencis tiucelan preparon, ekz. kontakti esperantistojn en Bonaero kaj LKK de la 99-a UK. Eblas diri, ke nemalmultaj samideanoj subtenis tion per diversaj formoj: partopreni en la preparo, sendi fotojn kaj librojn, sendi gratulajn mesaĝojn, ekz. pro laboro de s-ro Jorge Enrique Cabrera, prezidanto de LKK kaj prezidanto de Argentina Esperanto-Ligo, funkciuloj en la Departemento pri Eksteraj Rilatoj de la Urbo pretis por helpi LKK pri ĉi tiu projekto, informiĝinte pri manko de helpantoj s-ro Hori Yasuo esprimis helpi la ekspozicion kiel eble plej kapable, s-ino Barbara Pietrzak kaj s-ro Clay Magalhães, kongresa sekretario de UEA, siatempe aktive kaj efike antaŭenpuŝis la preparon kaj tiel plu.




Probable la ekspozicio ne estas tiel okulfrapa dum la kongreso, sed ĝi havas signifon, ĉar ĝi verkis novan historion por la projekto Ĝemelaj Urboj, ankaŭ trovas novan vojon por evoluigi kaj vigligi la projekton, precipe konsciigi la publikon al Esperanto kaj ĝia valoro. Espereble tia ekspozicio regule okazas en la postaj UK-oj.

Wu Guojiang

## Reagoj al la unua foto-ekspozicio

**Allan Argolo el Brazilo:** Karaj samideanoj, antaŭ iom da tempo mi eksciis pri la Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj" okazonta en Bonaero dum la 99-a UK. Mi tiam raportis la okazon al la estraro de AERĴ (Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro) kaj ni interesiĝis pri la afero kaj decidis sendi nian kontribuon.

**Zsofia Korody el Germanio:** Kiel realigantoj de plurkampaj aktivecoj kun Góra, la pola ĝemelurbo de Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo, ni ofte spertis, ke internaciaj salutmesaĝoj povas porokaze impresi, sed veran efikon por Esperanto povas havi nur bone kaj regule organizita kontaktado, kunagado inter ĝemelurbaj asocioj, lernejoj, grupoj, ktp.

La laborgrupo pri ĝemelaj urboj dum la kongreso en Rejkjaviko rekomendis agadon por la ĉi-jara UK, do ni esperas, ke kelkaj kontaktiĝoj okazos.

**Probal Dasgupta el Hinda Unio**: Kara amiko Guojiang, Mi ege ĝojas aŭdi pri tiu ĉi rimarkinda sukceso, baldaŭ liverota al efektiva publiko en Bonaero, kaj espereble denove liverota en iuj (ideale en ĉiuj) estontaj UK-urboj! Gratulon al vi kaj ĉiuj viaj kunagintoj kaj -antoj! Mi mem bedaŭrinde ne kongresos ĉi-jare; chion bonan al tiuj kiuj jes! Kaj grandan sukceson al la unua novelan-epoka kongreso!

**Renato Corsetti el Italio:** Mi ĝojas pro via sukceso! Ni el Italujo provis helpi.

**Diccon Masterman el Italio:** Reage al la alvoko sendi 3 fotojn de Bonaeraj ĝemelurboj, mi ĉi-kune sendas 5 fotojn de la urbo Lucca en Italio (Toskanio), el kiuj vi elektu viajn preferitajn.

La ĉefa eco de ĉi tiu urbo estas la murego ĉirkaŭ la urbo kiu estis konstruata proksimume inter la jaroj 1550 kaj 1650 p.K. Ĝi longas 4,2 kilometrojn, estas proks. 10 metrojn alta kaj surhavas aleon, trotuarojn kaj eĉ konstruaĵojn. Siatempe oni eĉ permesis al la motortrafiko veturi sur la murego en ambaŭ direktoj, sed nun oni nur rajtas bicikli, kuri aŭ promeni kun sia hundo. Foja escepto okazas kiam estas kunveno de antikvaj aŭtomobiloj kaj motorcikloj k.s. Unu el la preskaŭ unikaj ecoj de ĉi tiu murego estas la fakto ke la urbo neniam estis atakita post la konstruo, kaj tial la stato de la murego estas pli-malpli originala.

La murego estas la tria, aŭ eĉ la kvara, kiun oni konstruis en la historio de la urbo kiu eble estis antaŭromia (etruska) urbo. Ĝi certe estis romia urbo kaj ankoraŭ estas videblaj romiaj restaĵoj, precipe tiuj de amfiteatro apud unu el la ĉefstratoj. Poste, en la frua mezepoko, oni konstruis ŝtonan muregon kiu havis la duonon de la longeco de la nuna murego. Estas pluraj tre videblaj restaĵoj de tiu murego, precipe tri pordegoj el kiuj unu estas la urba turisma oficejo kaj la du ceteraj enhavas loĝejojn.

Oni povas nombri okdekon (efektive!) da preĝejoj en la malnova urbo, el kiuj kelkaj havas milon da jaroj. La preĝejo de Sankta Frediano estas la sanktejo de la mumio de Sanktulino Zita kiu estas videbla en vitra ĉerko. Vidu krome http://en.wikipedia.org/wiki/Lucca.


Panoramo de Lucca, la itala ĝemelurbo de Bonaero

**Maria Majerczak el Pollando:** Ĉu esperantistoj el la ĝemelurboj de Bonaero alportus salutojn de la Estraroj de siaj urboj por la loĝantoj de Bonaero kaj transdonus dum la UK al la

urba Estraro? Povus temi pri reprezentantoj de, ekz., 25-30 ĝemelurboj. Tia mult-saluto, veninta samtempe el la plimulto de la ĝemelurboj de B., bone montrus la internaciecon kaj praktikecon de E-o, kaj estus simbola kontribuo al flegado de amikeco inter popoloj, kiu estas unu el la celoj de ĝemeliĝado de urboj. La salutojn povus akompani eta donaco (multmedia disko pri iu aspekto de la salutanta urbo, aŭ malgranda kultura memoraĵo, aŭ grava libro k.a.). Urboj havas tiajn objektojn por reprezentaj celoj.

Mi pensas, ke la urbo-estraroj, kiuj respondecas pri la (malfacila kaj foje iom neglektata) tasko flegi kontaktojn kun siaj ĝemelurboj, ĝoje akceptus tiun civitanan helpon.

Esperantistoj devus kiel eble plej multe publike montri sin kaj siajn civitanajn iniciatojn, precipe tiujn kongruajn kun la celoj de E-o. La nuna ideo porti amikec-mesaĝon al alia popolo estas tute facile realigebla kaj sufiĉe spektakleca.

**Ueli Haenni el Svislando:** Kara komisiito de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj, Wu Guojiang, mi volas gratuli vin pro via poezia alvoko / priskribo ĵusa. Dume, mi devas konfesi, ke post via alvoko, mi kontaktis proksiman ĝemelan urbon en Italio (mi konas tie familianon) cele al liverado al Sudameriko de fotobildoj. Ja pozitivan reagon mi havis de tiu familia neesperantistino en Lucca, sed mi fiaskis liveri al ŝi sufiĉe rapide la necesajn poŝtmarkojn kaj adreson pro trookupiteco mia. Pardonu min. Imageble vi trovos facile raportanton kiu sendos fotobildon al vi por la ekspozicio. Dume, en urbo Lucca, Italio, mi konas neesperantistojn lokajn, kiuj povus kontribui, se vi volas, bildon ankaŭ de tie, kaze ke neniu reagas al vi. Esperantiston mi konas lokan, sed ĉar li estas nevidanto, eble pli malfacila por li.

Skribu al mi mallonge, ĉu mankas en via okazonta ekspozicio la urbo Lucca (vi skribis Luko, ĉu mi ĝuste supozas, ke temas pri mia iama "bo-urbo" (naskiĝloko 1957 de mia eksa edzino) inter Pisa kaj Firenze, sude de Genova kaj Milano, norde de Romo?

## La projekto triafoje partoprenis en la Movada Foiro



La 26-an de julio, sabato, 19h00-21h00, la Movada Foiro okazis en la salono López Luna. S-ro Pieter Engwirda el Nederlando deĵoris ĉe la tablo de la projekto. Li aparte faris por la foiro preparojn: renove fari ĉemizon kun la vortoj "Ĝemelaj Urboj" kaj elpresi kelkajn numerojn de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Tie li parolis al proksimume 50 personoj koncerne la taŭgecon de ĝemelaj urboj por Esperanto, la taŭgecon de Esperanto en la projekto Ĝemelaj Urboj, la paĝojn de Ĝemelaj Urboj en Vikipedio kaj UEA-Vikio, la retan bultenon Informilo de Ĝemelaj Urboj, la proponon de la UEA-komitato serĉi respondeculojn de LA pri Ĝemelaj Urboj kaj tiel plu.

Laŭ raporto de Pieter Engwirda

# La 11-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj

En la 29-a de julio, mardo, 17h00-18h00, la 11-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazis en la salono Borovečki. 30 kongresanoj partoprenis en ĝi, kiun prezidis s-ino Barbara Pietrzak kaj s-ro Pieter Eingwirda.



En la komenco la kunvenintoj konatiĝis kun la raporto de la Komisiito pri la Projekto, Wu Guojiang, kiu aparte atentigis, ke la nuna estraro de UEA plu altigis la statuson de la Projekto kaj klare listigis ĝin en la subteamo Monda Evoluo kun la laboroj de Unesko kaj UN/Unesko. Dum la raporta jaro la organiza strukturo de la projekto estis plie kompletigita per la Ĝemelurbaj Komisiitoj de LA-oj, kiuj nun ekzistas en 7 landoj. Okazis laŭvicaj interŝanĝoj inter esperantistoj de ĝemelaj urboj, aparte en Azio.

Barbara Pietrzak prezentis la prioritatajn taskojn de la Projekto ĜU nunetape, kiujn rekomendis al la gvidantoj la estraro de UEA. 1) Altigi la konscion kaj komprenon de la E-komunumoj pri la ĝemelurba fenomeno, kiel interkultura porpaca agado okazanta multloke kaj multlingve; 2) Instigi la esperantistojn aliĝi al tiu agado per kontaktado de esperantistoj en la ĝemelaj urboj, ĝemelaj vilaĝoj pere de komunaj projektoj, interŝanĝoj, kiuj envolvas ankaŭ administrantojn de ĝemelaj urboj; 3) Kadre de la lokaj, landaj kaj regionaj E-aranĝoj organizi trejnrenkontojn pri la organizado de komunaj ĝemelurbaj projektoj kaj interŝanĝoj; pri la starigado de ĝemelurbaj kontaktoj pere de Esperanto; 4) Utiligi konsilcele por evoluigo de la ĜU-agado tiajn eventojn dum la Universala Kongreso kiel Movada Foiro kaj kunsidoj de la

Subkomitatoj: Konsciigo, Kapabligo, Komunumo; 5) Krei apartan paĝon Ĝemelaj Urboj ĉe uea.org; Listigi en ĝi la ekzistantajn ĜU-urbajn kontaktojn pere de Esperanto kun la eblo aktualigi la liston; Disponigi spertojn el la ĝisnuna agado de Ĝemelaj Urboj en la formo de konkretaj ekzemploj de ligitaj (kaj funkciantaj) kontaktoj pere de Esperanto (ekzemple baze de Informilo pri Ĝemelaj Urboj).

Pieter Eingwirda prezentis raporton pri sia agado sur la vikia kampo. Li memorigis pri la reta stokejo de Informiloj, redaktataj de Wu Guojiang en Wikispaces: http://gxemelurboj.wikispaces.com. Pieter Eingwirda prezentis diversajn paĝojn en Vikipedio, kiujn li prizorgas http://eo.wikipedia.org/wiki/%C4%9Cemelaj_urboj kaj en UEA-vikio http://www.uea.org/vikio/index.php/%C4%9Cemelaj_Urboj. La kunvenintoj ricevis informojn pri la stato de liaj laboroj.

Tute apartan atenton oni donis al la projekto "Fariĝu Ambasadoro de via urbo", kiu okaze de la Bonaera UK bedaŭrinde ne realiĝis, sed jam ekzistas planoj realigi ĝin en 2015: http://ttt.uea.org/vikio/index.php/Projekto_%22Fari%C4%9Du_ambasadoro_de_via_urbo_%C4%9Demelita_kun_la_urbo_de_la_UK%22.

En la opiniinterŝanĝo aŭdiĝis multaj valoraj sufloroj por estontaj laboroj ligitaj kun la Projekto.

Por efektivigi la taskojn de la Projekto laŭ Giuseppe Grattapaglia necesas aktivigi delegitojn en diversaj urboj. Multe al la opiniinterŝanĝo kontribuis Aleks Kadar. Liaopinie mankas konsiloj praktikaj por la agantoj en diversaj urboj kiel agi. Necesas do konkretigi atendojn de la gvidantoj de la Projekto al aktivuloj. Eĉ se ekzistas projekto "Fariĝu ambasadoro de via urbo" necesas verki por la LA-oj konkretan tekston kun klarigoj, en kio konsistas la kampanjo. Necesas disvastigi bonajn praktikojn kaj konsilojn. Pli vastskale kaj ĝisdate devus en la reto aperi informoj el "Informilo". Povus servi al tio kreota en Facebook profilo "Ĝemelaj Urboj" kun novaĵoj pri ĜU-oj, al kiu ĉiu povus ĝisdate sendi informojn. Laŭ aliaj sendepende de Facebook-informoj ili devus esti diskonigataj ankaŭ alivoje, ekzemple pere de uea.org. Inneke Emmelkamp atentigis, ke pro la financaj problemoj en Nederlando la ĝemelaj kontaktoj ĉesas kaj oni ne plu faras novajn projektojn. Simila situacio estas ankaŭ en aliaj eŭropaj landoj. Aleks Kadar atentigis, ke en la estrara raporto mankis mencio pri Ĝemelaj Urboj, kio donas la impreson, ke la estraro ne traktas tiun laboron prioritate. La projekto devus estonte trovi adekvatan lokon en la revuo Esperanto. Aŭdigis ankaŭ dubo esprimita de Dieter Rooke, ĉu entute esperantistoj bezonas kunlabori kadre de Ĝemelaj Urboj, se ili sen tio povas libere kontakti kaj kunlabori kun esperantistoj en la mondo. Kiel klarigis Barbara Pietrzak Ĝemelurba Projekto estas aparta formo por reciproka kunlaboro, por komunaj projektoj, reciprokaj vizitoj, profundigo de konoj pri siaj urboj kaj landoj, eventoj gravaj en ilia vivo. Kiel estis proponite okaze de la nunjara Semajno de Internacia Amikeco sukcesaj rezultoj de tiuj ĝemelurbaj kontaktoj praktike povus pravigi sekve oficiale kontakti siajn urbajn instancojn respondecajn pri la ĝemelaj, partneraj kontaktoj por informi ilin pri tia

agado de esperantistaj medioj. En iuj kazoj tio povus alkonduki al starigo aŭ profundigo pere de Esperanto de la ekzistantaj ĝemelaj kontaktoj. Tiu laboro havas do ankaŭ malrekte informan efikon por la ekstera mondo pri la laboro de la E-komunumo. Multaj sufloroj aŭdiĝintaj dum la kunsido daŭranta ĉ. 55 minutojn konsideras jam la prezentitajn enkonduke prioritatajn taskojn por la Projekto ĜU rekomenditajn de la estraro de UEA.

El raporto de Barbara Pietrak

## La Letero de la komisiito al la urbestro de Bonaero

**2014-05-25**

Estimata sinjoro Mauricio Macri, urbestro de Bonaero,

Post du monatoj kelkcentoj da esperantistoj el pli ol 50 landoj venos al Bonaero, la urbo gvidata de vi, por partopreni en la 99-a Universala Kongreso de Esperanto (UK). Elkoran gratulon al vi.

Oni elektas Bonaeron kiel kongresurbon ne nur pro siaj longa historio kaj brila kulturo, sed pro siaj kontribuoj al la Esperanto-movado ekde 1889. Tieaj esperantistoj verkas la 125-jaran Esperanto-historion per saĝeco kaj diligenteco por la urbo, ankaŭ por Argentino. Se D-ro Zamenhof, kreinto de Esperanto, revis pri Argentino, kie situas la urbo, kiel taŭga lando por Esperanto, do, Bonaero ja estas taŭga loko por Esperanto.

Nun Esperanto estas sukcese aplikita en diversaj kampoj, i.a. ĝemelaj urboj estas unu el tiuj sukcesoj. Massa (Italio) kaj Bad Kissingen (Germanio), Kameoka (Japanio) kaj Knittelfeld (Aŭstrio), Kumamoto (Japanio) kaj Heidelberg (Germanio), Vierzon (Francio) kaj Kamienna Góra (Pollando) ĝemeliĝis per Esperanto. Multaj urbestroj de ĝemelaj urboj subtenas Esperanton per diversaj metodoj kaj formoj, ekzemple en 2005 la du urbestroj de Góra (Pollando) kaj Herzberg am Herz (Germanio) decidis, ke Esperanto kiel pontolingvo estu uzata inter la civitanoj de ambaŭ urboj. UEA starigis projekton Ĝemelaj Urboj en 2002 kaj komisiiton, kiu speciale respondecas pri ĝemelaj urboj, kaj okazigas kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum ĉiu UK ekde 2004. La nova estraro de UEA naskita en 2013 plie emfazas ĉi tiun laboron el evolua strategio kun la laboroj UNESKO kaj UN/UNESKO kaj aranĝas du estraranojn disponi pri la laboro krom la komisiito.

Estimata sinjoro urbestro, Bonaero havas pli ol 50 ĝemelajn urbojn en pli ol 30 landoj. En la 98-a UK en 2013 oni rimarkis tion kaj aktive proponis okazigi foto-ekspozicion pri ĝemelaj urboj de Bonaero en la 99-a UK. Mi arde esperas ke vi subtenas tiun ĉi proponon per viaj konsideroj: informi pri tiu ĉi UK la urbestrojn de viaj ĝemelaj urboj kaj inviti ilin al la kongreso, speciale mencii esperantistojn el ĝemelaj urboj en la UK-programero Urbestra Akcepto. La esperantistoj de Argentino fieros kaj la 99-a UK plie brilos se vi povas konsideri miajn proponojn, mi pensas. Tio ankaŭ estos granda kontribuo al Esperanto kaj la agado de ĝemelaj urboj. Espereble mia letero ne ĝenas vin, kaj kore bondeziras:
Feliĉon al vi.

Prosperon al Bonaero.
Sukceson al la kongreso.
***Wu Guojiang***

## La funkciulo de la projekto ricevis la premion



Posttagmeze de la 27-a de julio la redakcio de El Popola Ĉinio kaj la Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL) okazigis la agadon Ĉina Tago en la hotelo Colon de Bonaero. Ĝin ĉeestis ĉirkaŭ 100 esperantistoj el pli ol 20 landoj. Tie Fang Zhenghui, vicprezidanto de la Ĉina Internacia Eldona Grupo donis la Premion de Kontribuo al Esperanta Amikeco al s-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA kaj funkciulo de la projekto Ĝemelaj Urboj, vidu la foton. En la jaro 2012 s-ro Renato Corsetti, eksa funkciulo, ankaŭ ricevis la saman premion en la Hanoja UK.

El http://qgsx.chinareports.org.cn

## Kondolenco al Andrzej Grzębowski



La fama esperantisto, la flama Esperanto-aktivulo, la elstara organizanto kaj gvidanto de la Esperanto-movado, s-ro Andrzej Grzębowski forpasis en aĝo de 72 jaroj. Andrzej Grzębowski mortis la 1-an de aŭgusto 2014 en Bonaero, kie li partoprenis en la 99-a UK. Li estis magistro pri historio. Li aktivis en landaj kaj mondaj Esperanto-organizaĵoj kiel unu el gravaj roloj: ekz. prezidanto de Pola E-Junularo (1967-1970), komitatano (1964-1968) kaj vic-prezidanto (1968-1970) de TEJO, prezidanto de la asocio Monda Turismo de 1973 ĝis ĝia malfondo en 2003, direktoro de la Buroo de E-Turismo “Esperantotur”(1983-1993) kaj fondanto kaj gvidanto de la posta Internacia Klubo “Esperantotur” (2002) , Prezidanto de la Filio de Pola E-Asocio en Bydgoszcz (1972-1993) ktp. Li membriĝis en UEA en 1961 kaj estis ĝia komitatano 1973-2004. En 2011 UEA distingis lin per Diplomo pri Elstara Agado. PEA elektis lin sia honora membro.

Ekde 1991 ni tenas amikan interŝanĝon spite al tio, ke ni neniam vidis unu alian. Li estis forta subtenanto de la projekto Ĝemelaj Urboj. Ni neunuafoje diskutis pri Esperanto-turismo en ĝemelaj urboj, eĉ serioze konsideris ĝemeliĝon inter tiuj urboj, en kiuj nia majstro Zamenhof loĝis aŭ restadis, post apero de la libreto “Bydgoszcz kaj Itineroj de Ludoviko Zamenhof en Pollando kaj Eŭropo” verkita de li.

Li tre prizorgis la movadon en la provinco Liaoning kaj la laborojn de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA), kiun mi vic-prezidas. Ni havis planon: elekti kaj sendi studentojn el universitatoj en Liaoning al Bydgoszcz por lerni Esperanton.

Kiel mondvojaĝanto li vizitis pli ol 200 landojn de la mondo kaj organzis amason da ekskursoj al Esperanto- renkontiĝoj, i.a. la ekskurso al Liaoning en 2008. Krome li ofte sendis al mi informojn pri turismo kaj Esperanto, inkluzive de broŝuro, ekz. Turisma Esperanto Kalendaro.

Nia lasta interŝanĝo okazis en la 22-a de julio 2014. Tiam mi trovis ke ekzistis eraroj en Itinero pri Azio-Ĉinio, kiun mi ricevis, kaj faris korekton al ili. Li multe dankis min pro tio.

La forpaso de Andrzej Grzebowski estas granda perdo de nia Esperanto-movado. En la nomo de la projekto kaj LEA mi esprimas elkorajn kondolencojn al liaj familianoj.
Andrzej Grzębowski eterne vivas en niaj koroj.

Wu Guojiang

## Dankon el la familio de Andrzej Grzebowski kaj Bydgoszcz

Estimataj Samideanoj kaj Amikoj!

Ni kore dankas pro kondolencoj kaj sinceraj vortoj, kiuj venis el 44 landoj kaj de 158 personoj kaj organizaĵoj.

Li por ĉiam restos en nia memoro!

*Familio – edzino Regina, filoj Andreo kaj Romeo kun edzinoj kaj sep nepoj*
*kaj*
*Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo en Bydgoszcz*
*Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo en Bydgoszcz*
*Internacia Klubo "Esperantotur" en Bydgoszcz*
*Filio de Pola Esperanto Asocio en Bydgoszcz*

## La projekto en gazetaroj

N-ro 84 Esperanto en Azio, bulteno de KAEM, aperigis la tutan tekston de la alvoko pri la foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Bonaero" okazonta dum la 99-a UK. N-ro 3 Bonaera Voĉo, kongresa kuriero, informis la kongresanojn pri la kunveno de Ĝemelaj Urboj.

URBESTRO KAJ ESPERANTO

## Salutvortoj de la urbestro de la Esperanto-urbo

2014-07-24

Al la partoprenantaro de la 99a Universala Kongreso de Esperanto en Argentino.
Korajn salutojn al Argentino!

Je la nomo de nia urba konsilantaro kaj de la administracio mi deziras al la partoprenantaro agrablan kaj sukcesan kongressemajnon. Kvankam persone ni ne povas ĉeesti, tamen ni kunfestas per Esperantoagadoj en Herzberg am Harz – la Esperantourbo la 26an de julio 2014 (Monda Esperanto-Tago).

Ankaŭ ni kontribuas al la kongresa temo per nia strebado publike prezenti Esperanton en la urbo kaj krei ion daŭripovan por la estonteco.

Mi invitas vin viziti la urbon kaj rigardi la ĝisnunajn rezultojn.
Bonvenon!
Kore salutas,
Gerhard Walter, Urbestro de Herzberg am Harz, la Esperantourbo, Germanio

URBA STILO KAJ TRAJTO

## Jara Raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2013

Wu Guojiang

**La organiza strukturo de la projekto estis plie kompletigita**. Post kiam en la hanoja UK en 2012 la Komitato de UEA faris tian decidon: instigi la LA-ojn trovi respondeculojn pri kunlaboro kun respondeculo pri la projekto Ĝemelaj Urboj, ĝis nun entute 7 LA en Mongolio, Pakistano, Vjetnamio, Francio, Italio, Nederlando kaj Svedio havas siajn respondeculojn pri Ĝemelaj Urboj. Kvankam ne fondiĝis la laborgrupo de la projekto pro ŝanĝiĝo de la estraro de UEA, tamen tri samideanoj volonte servas al la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj. Ili estas s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo kaj s-ro Hori Yasuo el Japanio.

La nova estraro de UEA plu altigis la statuson de la projekto kaj klare listigis ĝin en la subteamo Monda Evoluo kun la laboroj Unesko kaj UN/Unesko.

**Ĝemeliĝaj agadoj emfazis la rolon de Esperanto**. La supermezlernejo Tianjiabing de Baotou en Interna Mongolio de Ĉinio kaj la supermezlernejo Wonkyung de Kyungsangnamdo en la Korea Respubliko pere de Esperanto ĝemeliĝis kaj realigis interviziton. S-ro Henri Masson, prezidanto de Esperanto-Vendeo de la franca urbeto Moutiers-les-Mauxfaits, estis invitita de la urbestro por partopreni en la ĝemeliĝa ceremonio de ĝi kaj la germana urbeto Althengstett. Okpersona grupo de la Esperanto-Klubo en Góra partoprenis en la festo de la 20-a ĝemeliĝa jariĝo de la germana urbo Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, kaj la pola urbo Góra. Antaŭ tio esprimante la feston en la Esperanto-urbo ponto super la rivero Sieber havis novan nomon: “Ponto de la Espero”, memorŝtono ĉe la ponto atestas tiun nomiĝon en tri lingvoj: germana, pola kaj Esperanto. Liaoning-provinca Esperanto-Asocio de Ĉinio (LEA) kaj Shenyang Ampleksa Ligita Zono de Ĉinio (SALZ) atingis unuan intencon: SALZ tra Esperanto volas ĝemeliĝi kun urboj en la mondo kaj surbaze de tio fondi partnerajn rilatojn por ekomomia evoluo de ambaŭ flankoj.

**Interŝanĝoj inter esperantistoj de ĝemelaj urboj estis videblaj.** Esperantistoj el la ĝemelaj urboj Montreal en Kanado kaj Hannover en Germanio reagis al alvoko de Hiroŝima Esperanto-Centro (HEC) de Japanio pri ekspozicio de esperantistaj mesaĝoj por Internacia Virina Tago de Hirosima. 40 vizitantoj el la franca ĝemelurbo Hennebont gastis ĉe la germana urbo Kronach, inter ili du membroj de la tiea Esperanto-klubo. Pro tio s-ro Armin Grötzner havis honoron kaj ŝancon dum la oficiala akcepto en nia urbodomo paroli pri Esperanto kaj ties valoro por la interurbaj kontaktoj. Okaze de la 40- jara ĝemeliĝo Dong Da distrikto de

Hanojo en Vjetnamio kaj la urbo Choisy-le-Roi de Val-de-Marne en Francio la esperantistoj de la distrikto konkretis tiun agadon per ĝemeliĝo kun la esperantistoj de la urbo kaj sendo de la gratula letero al la urbestro konkretiginte tiun ĝemeliĝon. Esperanto-Societo en Takatuki (EST) de Japanio okazigis la 48-an Esperanto-Ekspozicion en la ekspozicia halo de Urba Ĝenerala Centro koncerne interŝanĝon kun esperantistoj en la ĝemelurboj de Takatuki, kaj tieaj esperantistoj estis invititaj de la registaro de la ĉina ĝemelurbo Changzhou al la 8-a Ĉina Flora Ekspozicio.

Pasintjare la projekto duafoje partoprenis en la Movada Foiro pro kontribuo de s-ro Pieter Engwirda kaj laŭplane okazigis la 10-an kunvenon dum la 98-a UK pro prezido de s-ro Hori Yasuo. Informilo Ĝemelaj Urboj trimonate daŭre aperis. La komisiiton atingis 133 reagoj el 57 landoj.

SERVA PLATFORMO

## Aliĝu al UEA

Estimataj esperantistoj en ĝemelaj urboj,

Tamen ni vivas en la sama lando—Esperantujo, kvankam ni probable neniam vidis unu alian; Tamen ni havas komunan familion-Universala Esperanto-Asocio kvankan ni loĝas en ĉiu parto de la mondo. Nia lando pli kaj pli fortiĝos kaj atentiĝos se membroj de nia familio plimultiĝos, tial aliĝo al UEA estos signifa.

Per aliĝo vi **subtenas** la Esperanto-movadon en multaj landoj de la mondo kaj la Esperanto-kulturon, **helpas** ĉe la kunordigo de la tutmonda agado kaj al internaciaj kontaktoj pere de Esperanto kaj persona kresko de Esperanto-aktivuloj (Aktivula Maturigo), **atentigas** pri la kulturaj valoroj de la movado ĉe UNO kaj UNESCO kaj pri graveco de lingva diverseco kaj justeco, **plifortigas** la voĉon de la lingvo kaj movado en la mondo,**kontribuas** al la kresko de la Esperanto-movado.

Per aliĝo vi havas personajn avantaĝojn en la komuna familio, ekzemple vi **apartenas** al internacia komunumo kaj al prestiĝa tutmonda asocio, **povas** ricevi la revuon Esperanto (Membro MA), **ricevas** la jarlibron (Membro MJ), rabaton por partopreni ĉe Universala Esperanto-kongreso kaj rabaton ĉe la libroservo kaj tiel plu, kaj tiel plu.

Ne hezitu skribi al: kampanjo2014@uea.org se vi volas aliĝi; la tri retejoj estas helpaj se vi volas scii pri tio per reto: por la kotiztabelo http://www.uea.org/pdf/kotiztabelo2015.pdf kaj por aliĝilo http://db.uea.org/alighoj/alighilo.php kaj por landaj perantoj http://www.uea.org/alighoj/perantoj.html

Estimataj esperantistoj en ĝemelaj urboj, bonvenu aliĝi se vi ne estas membro de UEA, bonvolu informi pri ĉi alvoko viajn konatojn, inkluzive de tiuj samideanoj en ĝemelurboj de viaj loĝurboj. Mi atendas iun tagon, en kiu ni renkontiĝas en tiu ĉi granda familio.

Kore salutas.

Wu Guojiang